12 FEBRUARO 1907. Unu Numero : 10 CENTIMOJ TRIA JARO. — № 1

# ★ ESPERANTO ★

DUONMONATA INTERNACIA GAZETO

**ABONO**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Unu Jaro | 3 fr. | 2 ½ m. | 2 ½ ŝ. |
| Helpabono | 10 fr. | 8 m. | 8 ŝ. |

Oni abonas ĉe la Administracio
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève
aŭ ĉe la lokaj agentoj.

DIREKTORO :
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)

Bulgara Eldono : N. B. Kovaĉef, Sofio



## AL NIA LEGANTARO

" ESPERANTO " hodiaŭ reaperas, starigita sur tute nova fundamento kaj gvidata de nova direkcio. Naskita antaŭ tri jaroj, en la momento kiam ekmontriĝis la rezultatoj de multjara, senlaca propagando, ĝi de tiu tempo travivis diversajn periodojn. Simila al tiuj estajoj, kiuj ĉe l'veno de l'ekmaturiĝo, nescias kien ilin kondukos la jaroj, ĝi iam ŝajnis ŝanceliĝema kaj necerta pri sia vojo. Dufoje ĝin morto minacis, ne tial ke al ĝi mankis helpantoj kaj amikoj, sed nur tial ke ĝian regulan aperon haltigadis pure administraciaj aferoj. Nuntempe, malaperis tiaj cirkonstancoj, kaj al la tutmonda esperantistaro, ne plu al ia nacia esperantistaro, sin prezentas ESPERANTO, provita, hardita, kun programo, alfarita al la estantaj bezonoj kaj disvastiĝeco de nia afero.

* * *

Jam diversajn aĝojn travivis esperantismo. Dum longaj jaroj, la lingvo restis en provado ; pri ĝi nur kelke da homoj sciis, sed, dume, senbrua, nekonata, tamen necesega laboro interne efektiviĝis ; literaturajoj, ĉiaspecaj verkajoj kreis en ĝi vivon kaj propran spiriton, ĝin riĉigadis per tradukado kaj verkado. Tiel, Esperanto, kiu estis teorie bona kaj taŭga, fariĝis, per la literatura praktikado, vere vivanta lingvo ekzistanta per si mem ekster la aliaj lingvoj. Sed la uzantoj de tiu mirinda interkomunikilo baldaŭ komprenis la necesecon ĝin diskonigi ĉe la aliajn homojn. Tian malfacilegan taskon entreprenis kelkaj kuraĝuloj ; oni scias kiel rapide, nur per siaj propraj fortoj, ili sukcesis venki la ŝajne nerenverseblajn barojn, kiujn starigis skeptikeco kaj malkonfido. En ĉiuj landoj, jaro post jaro, plivastiĝadis la armeo de la novaj varbitoj, kaj samatempe pligrandiĝis la praktika uzado de la lingvo. Du kongresoj, sennombraj korespondajoj, ĉiaspecaj pruvoj, montris, ke oni povas jam nun utile uzi Esperanton. Ni ne nur devas propagandi la lingvon, sed ankaŭ ĝin uzi kaj per ĉiuj manieroj akceli ĝian enkondukon kaj aplikadon en la diversaj fakoj de l'homa penso.

La dua kongreso de Esperanto signis tute novan vojon en la disvastiĝado de Esperanto tra la mondo. Ĝi klare montris, ke, flanke de la lokaj aŭ naciaj nur propagandaj organizajoj, kreiĝas, iom-post-iom, internacia societaro, fondita laŭ la komunaj intereso kaj celo de samfakaj personoj, kiuj konsideras Esperanton kiel perilon, ne kiel celon. Komercistoj, juristoj, sciencistoj, k. a. aŭ en alia vidpunkto samreligianoj kaj sampartianoj kuniĝis internacie kaj decidis tuj uzi Esperanton por siaj tutmondaj rilatoj. Aliparte decidante pri la kreado de konsuloj, la lasta kongreso kuraĝigis ĉiujn samideanojn praktike uzadi Esperanton. En tiu kampo estas la estonteco kaj sukcebleco de nia lingvo.

La propagandaj societoj jam havas siajn proprajn organojn, kies celo estas klare difinita ; aliaj revuoj kreiĝis por specialaj fakoj kaj do celas la tujan uzon de Esperanto. Sed la nombro de tiuj lastaj revuoj estis nun tre malgranda, ĉar la peresperantaj societoj ne povas pro la malmulteco de siaj anoj fari la elspezojn necesajn por la kreo de speciala organo, kiu ne interesus sufiĉe da samfakanoj por vivi per si mem. Aliflanke, la oficoj, konsuloj, kaj similaj entreprenoj, jus kreitaj aŭ tuj kreotaj, ne havas difinitan komunan gazeton por elmeti siajn sciigojn kaj sekve ne povas oportune interrilati. Mankas do en la nuna tempo, praktika, malkara, regula *jurnalo*, kiu estos la komuna ligilo inter la supre nomitaj entreprenoj, internacie redaktita tutmonda informilo, kiu, dank'al sia enhavo. montros la jaman utilecon kaj disvastiĝecon de Esperanto.

Tian mankon celas forigi la nun aperanta ESPERANTO. Ĝi estos esence internacia praktika gazeto ; ĝi estos la organo de ĉiuj entreprenoj, kiuj konsideras Esperanton ne kiel celon, sed kiel perilon ; sekve ĝi neniel enmiksiĝos en la vivadon de la pure propagandaj grupoj, sed kunhelpos al ilia agado per alia vojo. Ĝi penados faciligi kaj plimultigi la komunikojn inter la konsuloj, publikigos regule ilian nomaron kaj enpresos iliajn informojn kontraŭ tre malalta kotizajo. Ĝi laŭpove helpos al la enkonduko de Esperanto ĉe la hotelistojn kaj komercistojn. Ekster tio. ni penos interesi nian legantaron publikigante en ĉiu numero plej internacian kaj diversan materialon. Dank'al nia lingvo, oni povas ricevi multajn sciigojn el la tuta mondo kaj tiom pli kredindajn ke ilin verkis enlanduloj mem. Tian kapablon ni uzos presante oftajn informojn pri la internaj okazintajoj en ĉiuj landoj ; ni pri ĉiu grava fako havas korespondantojn, kiuj regule elsendos praktikajn novajojn pri ia difinita temo en sia lando. Per la organizado de enketoj, al kiuj partoprenos nia tuta legantaro, ni montros, ke per la nuna modesta gazeto, oni povas ricevi atentindajn sciigojn. La esperantismon ni ne flanklasos ; ni priparolos la ĉefajn demandojn pri nia movado en rilato esence praktika. La lingvajn demandojn ni aludos nur en tiuj okazoj kiam estas ia duba punkto, sed ni konsideras ĉian disputon pri ia jam ekzistanta afero en la lingvo kiel superflua kaj malutila ; nia lingvo vivas kiel idiomo ajn, sekve ĝi ne estas perforte tuŝebla. La nacia paĝo, pli malgranda, servos por montri al la neesperantistoj la utilon riceveblan per Esperanto ; ni do ĉiufoje parolos mallonge pri aplikajo de nia lingvo en ia ajn fako. La gazeto estos tiel bona propagandilo apud la publiko, al kiu oni pli vole devas paroli pri estantajoj ol pri estontajoj.

* * *

Kompreneble, la supra programo estas tre vasta kaj postulas longan tempon antaŭ ol alveni al plena realigiteco, sed tio dependas ĉefe de nia legantaro. Multajn progresojn ni devas fari ; nia formato estas negranda, neofta nia apero, sed tiajn mankojn niaj legantoj povos facile forigi per sia efika kunhelpado. Aboni gazeton aŭ ĝin regule aĉeti estas negrava afero kaj tamen el tiu aro da eroj naskiĝas io forta kaj vivipova. Niaj agentoj diskonigu la jurnalon, por ĝi laŭpove reklamu, niaj legantoj nin subtenu per sia konsilado kaj helpado, kaj tiel, monato post monato, per komuna interhelpado, dank'al ĉies penado, ni rapide ricevos ŝatindajn kaj tute atentindajn rezultatojn.

Hector HODLER.

## TRA LA MONDO

### Ameriko.

Montevideo, decembro 1905.

Je l'honoro, mi certigas, ke la Orientalinoj estas blankaj ! — Ne nur ĉar ili estas el blanka raso, sed ĉar ilia koloro estas pli blanka ol la brunaj Andaluzinoj, ol la suноritaj Italinoj, eĉ ol la francinoj, sed simila al la blondaj nordulinoj, sur kies vizaĝoj-laŭ la konata kliŝajo-ludas la lilioj kaj la rozoj. Mi certigas, ke la Orientalinoj estas blankaj ! Mi ankaŭ certigas, ke ili ne vagadas tra dezertaj kamparoj, vestitaj nur per siaj haroj kaj plumoj de kondoro. Mi certigas-ho abomeno ! —, ke ili ŝajnas havi korsetojn kaj marŝas sur altaj kalkanumoj : sekve, ke ili estas plene civilizitaj. Kaj tion dirinte, mi plenumis miajn promesojn rilate unu el ili, kiu petegis min per tre bona kaj agrabla esperanta voĉo, ke mi ne lasu la Eŭropanojn dormi en iliaj eraroj !

* * *

Sed la Respubliko Orientala ne nur havas kiel pruvon de civilizeco la korsetojn kaj kalkanumojn de siaj elegantulinoj, ĝi povas prezenti aliajn citindajojn. La unua afero, kiun rimarkas la eniranto Montevideon estas speciala ŝajno de la urbo. La tuta duoninsulo, sur kiu ĝi estas konstruita, estas dividita je egalgrandaj kvadratoj per mezelarĝaj stratoj tre puraj kaj bone pavimitaj. La domoj, ĉiuj same altaj, ne havas pli ol unu etaĝo, kaj enlasas la aeron kaj la sunon en la stratojn, malgraŭ la ne tro granda larĝeco de ĉi-tiuj. En tio, la Sudamerikanoj sin montris pli saĝaj ol la Eŭropanoj, kiuj ĉiam deziras fari larĝegajn strategojn kaj placojn, kiuj fariĝas en somero kvazaŭ Saharoj kaj en vintro Siberioj netraireblaj. Tie-ĉi, higieno, zorge kombinata kum komforto, faras el tiu-ĉi urbo agrablan restadejon por ĝiaj tri cent mil loĝantoj. Tie-ĉi kaj tie placoj bone ombritaj rompas la unuformecon de tiu reguleco, aliparte gajigita per la diverseco, eleganteco kaj riĉeco de la privataj kaj publikaj domoj, kiuj prezentas ĉiujn stilojn kaj produktojn de moderna fantazio, regata de bona gusto.

Ne kiel en Brazilujo aŭ en Arĝentina Respubliko, la metala mono ne estas malofta kaj oni ne estas devigata kunporti tiujn abomenajn ĉifonajojn, kiaj baldaŭ fariĝas la malaltaj bankbiletoj en tiuj landoj. Ora monero estas la sterlinga livro angla, sed kutine oni uzas la arĝentan piastron, kiu valoras preskaŭ ĝuste kiel nordamerika dolaro, Nenia kupra mono, sed nur nikela. La plej malgranda, la centonpiastro, valoras la latinan soldon, kiel kambio kaj povo de aĉeto. Sed, kompreneble, la negocajoj ne kostas same kiel en Eŭropo. Ekzemple, la eŭropaj fruktoj kostas kare, dum oranĝoj, bananoj, ananasoj estas tre malkaraj ; la viando estas multkvanta kaj malpli kosta ol en Eŭropo ; rizo kostas kare, kaj tapioko, maizo tre malkare. Mi ne parolas pri la "Parizaj Komercajoj", kiuj estas neaĉeteblaj., sed multaj industriaj produktoj havas prezojn, kiuj tute mirigas la fremdulojn, kvankam la lando kaj apuda Buenos-Ayres multege kaj bone fabrikas. La sulfatacido kaj niaj industriaj devenajoj estas tiel karaj ke kelkaj industrioj, tre prosperaj en Eŭropo, estas tie tute neeblaj, pro la manko de tiu produkto. Male, la sodo kaj la nitraj komponajoj estas tre malkaraj, dum, en Eŭropo, ili estas, precipe la lastaj, la plej karaj. Tiuj ekzemploj sufiĉas por montri, ke, en tia lando, oni ne devas veni kun la eŭropaj ideoj kaj procedoj, sed serĉi la manieron uzi la lokajn riĉajojn, kiuj estas grandegaj, por atingi la deziritan celon per novaj rimedoj. Pri tio, mi parolos en venontaj artikoloj.

* * *

Pri Esperanto, la lando estas mirinda kampo de agado. Tre facile, la rivero Plata, kun ĝiaj grandegaj urboj ĝia vastega movado da homoj kaj rasoj, povas fariĝi centro por la sudamerika esperantismo. Jam estas bona fundamento en Montevideo. Dank'al la agado de S-ro Carlos Charrier, franca kontisto, kaj de S-ro Enrico Muñoz, konata orientala literaturisto, kelkaj personoj jam atingis bonan konon pri la lingvo. Kurso estas farata de S-ro Muñoz en la Societo por Popola Edukado al ĉirkaŭ tri-dek knaboj dek-du aŭ dek-tri-jaraj, kiuj jam scias tre lerte aranĝi frazojn kaj havas rimarkinde bonan akcenton. Sed, pro la nerilato kun la ekstera esperantista mondo, la afero estis ĝis nun iom stara. Estas espereble, ke la sukceso de la Ĝeneva kongreso, pri kiu ĉiuj gazetoj parolis, havos grandan influon sur la disvolviĝo de nia lingvo en Montevideo kaj sekve en Buenos-Ayres, kie ĝis nun estas nenio. De nun la gazeto "La Razon" publikigos ĉiutage artikolon en Esperanto. Prepariĝas publikaj kursoj kaj paroladoj en diversaj lingvoj ; pretiĝas la ĉambroj por konsulejo kaj esperanta informejo. Baldaŭ nia blazono estos afiŝita kaj nia flago flirtos en inda loko. Niaj legantoj scios laŭtempe pri la progresoj farataj.

P. Berthelot.

* * *

### Germanujo.

Stuttgart, 24an de januaro.

Kiel oni scias, Germanujo jam de kelkaj jaroj batalas en sudokcidenta Afriko kontraŭ la ribelintoj en sia tiea kolonio. La ribelo ŝajne baldaŭ finiĝos, sed ĝi kaŭzis en Germanujo mem malfacilajojn al la registaro. Jam pli frue, la "Reichstag" malaprobis la konstruon de fervojo en la ribela teritorio, kaj en decembro de l'pasinta jaro, ĝi ankaŭ rifuzis la monajn rimedojn, kiujn la registaro opiniis necesaj por la finiĝo de la ribelo. Tial la Reichskanzler (imperia kanceliero), princo Bulow disigis la delegitojn, fakto, kiu ĉie multe surprizis, ĉar oni ĝin ne atendis. La partioj, kiuj kaŭzis, per sia konduto, tiun disigon, nun estas devigataj konigi siajn tialojn. Tiuj partioj estas unuavice la "nigruloj" (Centrumo aŭ ultramontanoj) kaj la ruĝuloj (socialdemokratoj), al kiuj aliĝis malamikoj de germaneco (francaj kaj polaj germanujanoj) kaj de Pruseco (velfoj).

La Centrumo penas kredigi, ke ĝia konduto dum la lastaj 20 jaroj montris, ke ĝi ne estas malamiko de l'kolonia kaj monda politiko germana ; ĝi pretendas, ke ĝi nur celis kristanan politikon kolonian kaj racian politikon internacian, kaj ĝi insistas pri tio, ke oni de nun absolute ne bezonos tiom da militistoj en la afrika kolonio, kiom postulis la registaro. Tamen ĝi malfacile povos forigi la suspekton, ke ĝi, konfidanta al sia ĝisnuna potenco en la "Reichtag", kredis povi akiri novan influon ĉe la registaro, se ĝi unue ŝajnas kontraŭa. Tiamaniere, ĝi ja kelkafoje akiris ian profiton kaj oni moke parolas pri Centrum-a "Kuhhandel" (marĉandado pri bovino) !

La socialistoj honeste ne penas elmontri sian naciemecon, oni ja tuj ne kredus al ili, sed ili neatentigas la rektan kaŭzon de la Reichstagdisigo kaj supozigas aliajn kaŭzojn, zorge kaŝitajn. Ili pretendas : novajn impostojn oni bezonas, kaj tiujn oni certe ne estus ricevinta per la tiama delegitaro, ĉar jam la pasintan jaron oni decidis plialtigitajn aŭ novajn impostojn pri biero, cigaredoj kaj fervojbiletoj. Kaj nun, dum la industria florado en Germanujo oni kredas pli facile ricevi deputatojn konsentemajn, almenaŭ pli facile ol en junio 1908, kiam regule oni estus balotinta novan delegitaron.

La partioj konsentintaj kun la registaro certe tute ne ĝojas pri la ĉiamplio de monpostuloj, sed ili diras : pri la reala aŭ estonta valoro de niaj kolonioj, oni ja povas havi esperojn pli-malpli konfidindajn, ĉiuokaze ni jam de pli ol 20 jaroj posedas la koloniojn, kaj nenio povas pruvi, ke tiu posedajo ne multe pli valoros. — Unu el la liberalaj partioj, pli frue akra kontraŭulo de ĉia kolonia politiko, nun mem voĉdo-

nis por la rimedoj postulitaj, certe ili nun konvinkiĝis, ke prosperos niaj kolonioj. Tial la diritaj partioj opinias, ke ne estas kaŭzo por kontraŭstari la registaron.

Per la disigo pro la dirita kaŭzo ĉiuokaze oni atingis, ke la konsentintaj partioj, alie ofte interbatalintaj, nun kuniĝas kontraŭ nigruloj (ne nur afrikaj) kaj ruĝuloj, kaj ke eĉ multaj katolikoj riproĉas la Centrumon, ke ĝi per tia konduto, ofendis la propatrujan kaj promonarĥian senton de multaj grupoj, ke tiu ago kontraŭas la principojn starigitajn ĉe la fondiĝo de l'Centrumo por la batalo pri rajtoj kaj libereco de katolika eklezio.

Tiel la Reichstag disiĝis kun la devizo : "Kontraŭ la Centrumo", sed nun oni kredigas el la vicoj de la liberaluloj-ĉu laŭvere, ĉu pro incito de la batalantoj-ke tiu devizo ŝanĝiĝis en jenan "malsupren la liberalismon". Tia devizo, oni diras. kaŭzus plimalfaciliĝon de la vivado de l'laboristaj klazoj. Plue, ĝi kaŭzus renoviĝon de la eklezia estreco, dum tra Eŭropo, videble progresas la liberalismo ; aparte mirinda, ili diras, estas en Francujo la batalo kontraŭklerika. Ili kredas, ke oni sentas en registaraj rondoj deziron pli multe serĉi liberalajn vojojn kaj ŝanĝi konduton, kiu ofte maltrankviligis najbarojn. Ni atendu ! Estas certe, ke la registaro fervore agadas por inspiri favoran intereson por la kolonioj, kaj la nova kolonia direktoro Dernburg, kiu ja per sia kuraĝa kontraŭstaro al centrumo, akiris multeflankan aplaŭdadon, paroladis en diversaj grandaj urboj.

La 25an de januaro okazos la baloto ; ĝi estos finita, kiam la legantoj legos tiun-ĉi artikolon, kaj la 14an aŭ 19an de februaro kunvenos unuafoje la nova delegitaro. Kredeble, la registaro ricevos pli favoran delegitaron ; tamen ĉiu vera patrujano, kaj pli bone, pli alte, ĉiu, kiu celas veron, apenaŭ povas tre bedaŭri la kontraŭstaron de la Reichstaga plimulto, ĉar fakte oni faris erarojn en la koloniaj aferoj. Laŭ natura leĝo tiaj estas punotaj : tial, la ribelo tie, tial la politika batalado ĉi-tie...

P. Chr.

## Tutmonda Kroniko

*Januaro* 10. *Lodz.* — Kolonelo Patkof, policestro, estas mortigita.

*Santiago.* — *(Cilio)*-Fervoja ektuŝego en stacio Talca. Multaj mortintoj.

*Manilla* (Filipinoj). — Uragano ruinigas insulojn Leyte kaj Samar. Multaj mortintoj.

10. *Svedujo & Novegujo.* — Tertremetoj.

11. *Monte-Carlo.* — Inaŭguracio de la 15a internacia belarta ekspozicio.

11. *Java* (Azio). — Altega supermarego detruas la domojn. Oni kalkulas ĉirkaŭ 400 mortintojn.

12. *Kalhouw-Alabama.* — Grandega ŝtonfalado enterigas ĉirkaŭ 100 ministojn.

*Havaï*-Elsputo de la vulkano Mauna Loa.

14. — *Centra Azio.* — Plena suna malleviĝo. La fenomeno daŭris $^3/_4$ da horo.

*Kingston.* — Granda tertremo, kiu, kun la sekvinta brulado, detruas kvartalon de la urbo ; 300-500 mortintoj, 1000-2000 vunditoj ; malgajno da 125 milionoj ; 20.000 personoj sen loĝejo. En la urbo, estis kunvenintaj multaj fremduloj por terkultura kongreso. La tertremo estis loka, etendita je 10-20 kil.

15-19. *Parizo.* — Kunsido de 63 francaj episkopoj, per priparoli la nunan staton de la franca katolikaro.

17. La verkisto Maŭricio Barrés solene aniĝas en la Francan Akademion. Li rememorigas pri sia antaŭulo Heredia. De Voguë diras la bonvenon al la nova akademiano.

19. *Antvertpeno.* — En la markolo Manche, okazas ŝippereoj kaj ŝippuŝegoj, sekve de la nebulo.

*Peterburgo.* — La delegitoj por la komerca japana-rusa konsento subskribas konsenton.

*Bistagno* (Italujo). — Mortas senatano eksministro de Italujo Jozefo Saracco.

*Vega* (Hispannjo). — Popoltumulto pro la plikariĝo de la pano ; 7 mortintoj sekve de la reordigo-Ĝenerala agitado en Hispanujo pro la plikariĝo de la pano, kaŭze la limimposto de la grenoj.

*Beaupreau* (Francujo). — La seminario estas kaptita per soldatoj, pro kontraŭstaro de la popolmaso ; cent vunditoj.

*Cooktown* (Aŭstralio). — Ventego detruas grandan parton de tiu urbeto.

20. *Ĝenovo kaj Bario* (Italujo). — Tumultaj popolkunvenoj de la marlaboristoj celantaj strikon.

20. *Leopold* (Aŭstrujo). — Granda malvarmo ; 27° sub nulo ; 160 personoj frapitaj de malvarmo.

21. *Buffalo* (U. Ŝ. A.). — Ventego daŭrinta 18 horojn pereigas 8 vaporŝipojn sur la lago Erié-Malgajno da 8 milionofrankoj.

*Neuchatel* (Svisujo). — La regnanoj malakceptas la proponon pri la apartigo de la Eklezio el la ŝtato.

*Vieno.* — La ĉambro de la nobeloj aprobas la ŝanĝon de la fundamenta leĝo pri la politikaj balotoj.

*Milano.* — Mortas la klera lingvisto Graziadio Ascoli, naskita en 1826.

17. *Ameriko.* — G-ro Figuera estas elektita Prezidanto de la Respubliko San Salvador.

20. *Sofio.* — Agitado ĉe la studentoj ; 38 vunditoj.

*Tokio.* — Brulado detruas la ministrejon de la komunikajoj ; malgajno da miliono da jens'oj.

*Nord-Sumatro.* — Oceana ondego havante tertreman devenon preskaŭ detruis la insulon Simalauer ; ĉirkaŭ 1500 personoj pereis.

22. *Kontantinoplo.* — Neĝventego. La termometro malsupreniras ĝis 17 gradoj sub la nulo. Granda malvarmo en tuta Eŭropo.

*Friburgo.* — La jurnaloj anoncas, ke la du universitataj profesoroj Krowalski kaj Mosciki eltrovis la manieron eltiri la azoton el la atmosfero.

23. *Budapesto.* — La juĝa ministro Polongi eksiĝas.

25. *Germanujo.* — Baloto por la "Reichstag". — Estas elektitaj : 41 Konservativuloj, 10 Imperipartianoj, 20 naciliberaloj, 89 centrumanoj katolikaj, 21 diversnacianoj (poloj, danoj.). 29 socialdemokratoj, 12 liberaloj. La unua baloto estas favora al la registaro.

A. Tellini.

# FORMOJ

### Statistiko

Rapidege pliiĝis la loĝantaro de Unuigitaj Ŝtatoj dum la lasta jarcento. Jen tabelo, kiu montras per ciferoj tiun eksterordinaran plivastiĝon :

| Jaro | Surfaco en kilometroj | Loĝantaro |
|---|---|---|
| 1790 | 2.152.400 | 3.929.214 |
| 1800 | 2.152.400 | 5.308.483 |
| 1810 | 5.199.400 | 7.239.801 |
| 1820 | 5.353.500 | 12.866.020 |
| 1830 | 5 353.500 | 17.069.953 |
| 1840 | 5.353.500 | 23.191.876 |
| 1850 | 5.353 500 | 26.214.712 |
| 1860 | 7.866.000 | 31.443.321 |
| 1870 | 7.866.000 | 38 558.371 |
| 1880 | 7.866.000 | 50.157.783 |
| 1890 | 7.866.000 | 62.622.500 |
| 1900 | 7 866.000 | 75.695.379 |

* * *

La franca ministro de laboro kaj higieno starigas interesan statistikon pri profesioj. Jen, ekzemple, kelkaj kuriozaj ciferoj. Ekzistas en Francujo 725.000 kudristinoj (600.000 en 1906) kaj 75.000 ĉapelistinoj. — La ŝuofarado okupas 220.000 gelaboristojn, la teksindustrio 892.000 (902.009 en 1896). Tiu lasta malpliiĝo venas de la fakto, ke pli-kaj-pli maŝino anstataŭas homon. Male, plimultiĝas la ĉiuspecaj skribistoj. Oni kalkulas 746.000 oficialajn oficistojn (665.000 en 1896) kaj 400.000 advokatojn, medicinistojn, inĝenierojn, jurnalistojn, k. t. p. (330.000 en 1896).

L. S.

### Loĝoscienco

Leĝo pri laboro jus estis proponita al la Urugvaja Parlamento. Tiu projekto trudas la naŭhoran labortagon. La dimanĉa ripozo estas garantiita ; la virinoj rajtos unu monaton da ripozo post akuŝiĝo. Neniu povos uzi por la laboro junulojn malpli ol 13 jarajn.

### Financo

La jara produktado de l'oro senĉese pligraviĝas. En 1905a, ĝi atingis preskaŭ du miliardojn : precize 1971 milionojn da frankoj, t. e. kvaroble pli multe ol la produktado dum jaro 1885a. Sud-Afriko estas la plej produktema lando. La produktado, kiu, en jaro 1904, atingis 410 milionojn, superis, en 1905, 530 milionojn. Poste venas Unuigitaj-Statoj, kiuj produktas 433 milionojn, cetere 8 milionojn malpli ol en la antaŭa jaro. Rusujo liveris nur 126 milionojn, t. e. 51/2 milionojn malpli ol en 1904. Fine, Kanado ŝajnas ne esti tiel produktema, kiel en la komenco ; ĝi liveris 75 milionojn anstataŭ ol 86, en la estinta jaro.

# ESPERANTO PRAKTIKA

### Nia Enketo-Konkurso

Por montri, ke, per Esperanto, oni povas, ricevi multajn utilajn informojn el la tuta mondo sen la ordinaraj lingvaj malhelpoj, kiujn renkontas tiuj, kiuj volas akiri dokumentojn verajn el ĉiuj landoj, ni decidis organizi **Enketojn** pri praktikaj demandoj de ĝenerala intereso. Por ke la liveritaj respondoj estu plej diversdevenaj kaj utilaj, ni insiste petas ĉiujn niajn legantojn kaj korespondantojn, ke ili partoprenu per la sendado de dokumentoj pri sia lando.

La temo de nia unua enketo estos : **La Kosto de la Vivado** en la diversaj landoj. Ni sinsekve demandos pri kosto de la nutrajoj, poste de la loĝado, mebloj, pri la impostoj, pri la industriproduktoj, pri la salajroj de la diversaj laboristoj, k. t. p. Ni publikigos laŭvice resumon de la ricevitaj respondoj pri ĉiu serio, kaj fine, se la ricevita materialo estas sufiĉe riĉa kaj interesa, ni aparte represos la rezultatojn de nia enketo, kiu tiel klare vidigos, ke dank'al sia jama disvastiĝeco, Esperanto povas, pri la interna vivado de ĉiu nacio, doni multajn precizajn informojn senditajn de la enlanduloj mem.

La unua serio celas ekskluzive la **koston de la nutraĵoj**. Ni sekve petas niajn legantojn, ke ili respondu pri la jenaj punktoj :

1e) **La kosto de la ordinaraj manĝaĵoj, kaj trinkaĵoj** (pano, lakto, butero, diversaj viandoj, porkajo, ovoj, terpomoj, sukero, kafo, se eble kelkaj legomoj, vino, biero, alkoholaj trinkajoj, k. t. p.).

2e) La nomo kaj kosto de la nutraĵoj, kiuj estas specialaj je la loko de la respondinto.

3e) Rimarkoj pri la plikariĝo aŭ plimalkariĝo de la cititaj prezoj.

Oni esprimu la prezon laŭ la unuo de prezo kaj kosto uzata en la lando por la dirita negocajo. Kiam estas malsamaj prezoj, oni donu mezan prezon por meza kvalito. Tamen, kiam la diferenco estas tre alta, oni donu la maksimunan kaj minimunan prezon, kun mallonga klarigo.

Ni tre deziras, ke la respondoj estu mallongaj, sed precizaj. Oni povas respondi per simpla karto.

Oni sendu ĉiujn respondojn pri la enketo al nia direkcio, 8, rue Bovy-Lysberg, Genève-Suisse, **antaŭ la 15a de Marto.**

FELIETONO DE "ESPERANTO" 1

# La £ 1.000.000. Banka Bileto

**el Mark TWAIN**

(trad. P. A. H. Muschamp)

Kiam mi estis dudeksepjara, mi estis komizo de minmakleristo en San-Francisko kaj kompetenta pri ĉiuj detaloj de monkomercado. Mi estis tute sola en la mondo, kaj dependis nur de mia propra spirito kaj de mia pura famo ; sed ĉi-tiuj estis metantaj miajn piedojn sur la vojon al estonta riĉeco, kaj min kontentigis tiu antaŭvidajo.

Ĉiusabate, mi havis libertempon post la tagmeza komerca kunveno, kaj mi kutimis veturi en malgranda velboato sur la golfeto. Iun tagon, surnaĝinte tro malproksimen, mi estis forportita Oceanon. Je la noktiĝo, kiam mi preskaŭ jam ne esperis, min savis malgranda velŝipo veturanta Londonon. Ĝi estis longa kaj ventega vojaĝo, dum kiu oni devigis min labori senpage kiel ordinara maristo. Kiam fine, mi elŝipiĝis en Londono, miaj vestoj estis eluzitaj ĉifonoj, kaj mi havis poŝe nur unu dolaron. Ĉi-tiu mono min nutris kaj ŝirmis dum du dek kvar horoj. La sekvantajn du dek kvar horojn mi restis tute sen nutrajo kaj rifuĝejo. Je la deka de la morgaŭa tago, mi, malsaneta kaj malsata, tiradis miajn krurojn sur la Portlanda kvadrato, kiam pasanta infano, de vartistino posttrenata, jetis grandan bongustan piron-jam demorditan-en la stratan defluilon. Mi kompreneble haltis, kaj per avida okulo, rigardadis la kotan trezoreton.

Antaŭ ĝi, malsekiĝis mia buŝo, ĝin petegis mia stomako, ĝin deziregis mia tuta estajo. Sed ĉiufoje kiam mi ekmoviĝetis, por ĝin preni, okulo de pasanto eltrovis mian celon, kaj tiam mi kompreneble rerektiĝis, ŝajnigante indiferentan mienon, kvazaŭ mi tute ne ekpensus pri la piro. Tio reokazis kaj reokazis same ; sekve mi ne povis atingi la piron. Mi jus ekfariĝis sufiĉe furioza por kontraŭstari al la hontemo kaj ekkapti la frukton, kiam, post mi, malfermiĝis fenestro kaj traparolis sinjoro :

"Vi eniru, mi petas".

Enkondukis min belega lakeo en luksan ĉambron kie sidas du maljunaj sinjoroj. Ili forsendis la serviston kaj min sidigis. Ili jus finis matenmanĝon, kaj la vidaĵo de restajoj preskaŭ senfortigis min. Malfacile, mi gardis mian konscion antaŭ tiu apudestanta nutrajo. Sed ĉar mi ne estis invitata ĝin gustumi, mi tial devigate suferis mian ĉagrenon kiel eble plej bone.

Jen, antaŭ mallonga tempo, io estis okazinta, pri kio mi nenion sciis ĝis post multaj tagoj, sed tion mi nun rakontos al vi. Ĉi-tiuj du maljunaj fratoj antaŭ du tagoj kunargumentegis, kaj fine konsentis solvi la disputon per veto, kiu estas la ĉiama angla maniero decidi ĉion. Eble vi memoras, ke la Banko de Anglujo iam eldonis du biletojn da unu miliono da livroj por publika negoco kun fremdlando. Pro kaŭzo ajn, nur unu el tiuj-ĉi estis uzita kaj nuligita, la alia ankoraŭ restis en la arĥivoj de l'Banko. Nu, la du fratoj interbabilante ekmirus kiel estus la sorto de perfekte honesta kaj inteligenta fremdulo, kiu en Londono troviĝus sen amiko, kaj, krom tiu milionlivra bileto, tute sen mono, kaj tute ne povanta klarigi pri la deveno de la dirita bileto. Frato A. certigis, ke li mortus pro malsato. Frato B. neis. Frato A. diris, ke li ne kuraĝus ĝin proponi ĉe Banko aŭ aliloke, ĉar li estus tuj arestota. Tiel ili argumentadis ĝis frato B. diris, ke li vetos, ke la fremdulo vivus dum tridek tagoj almenaŭ per tiu miliono, kaj ankaŭ ne estus enkondukita en malliberejon. Frato B. konsentis la veton. Frato B., irinte al la Banko, aĉetis tiun bileton. Vera Anglo, vi rimarkas, kuraĝa ĝis la spino. Tiam li diktis leteron, kiun unu el liaj komizoj bele transskribis ; poste la du fratoj sidis ĉe fenestro dum tuta tago serĉante taŭgan homon, al kiu ĝin donaci. Ili vidis multajn honestajn vizaĝojn, preterpasantajn sed ne sufiĉe inteligentajn ; multajn inteligentajn, sed ne sufiĉe honestajn ; multajn inteligentajn kaj honestajn, sed kies posedantoj ne estis sufiĉe malriĉaj, aŭ se sufiĉe malriĉaj, ne estis fremduloj. Ĉiam estis ia malbonajo, ĝis mia veno ; sed ili konsentis, ke mi ĝuste trafas la celon ; tiel, ili min elektis unuvoĉe, kaj jen mi staris, atendante ĝis mi scios kial mi estis envokita. Ili ekfaris demandojn kaj baldaŭ elsciis mian rakonton. Fine, ili diras al mi, ke mi plenumas ilian postulon. Mi respondas, ke mi estas sincere kontenta pri tio kaj deziras sciiĝi pri kio ĝi estas. Tiam unu el ili metas koverton en mian manon, dirante, ke mi ĝin kunportu en mian loĝejon, ĝin trarigardu atente kaj nenion faru tro rapide aŭ hazarde. Mi miregis kaj deziris iom pli diskutadi la aferon, sed ne ili ; tial mi adiaŭis, ĉagrena kaj kolera ĉar oni min uzas por afero, kiu estas verŝajne petolajo. Tamen, devigate, mi ĝin suferis, ne estante en tiaj cirkonstancoj por ke min elofendu insultoj de potencaj riĉuloj.

Nun, mi estus preninta la piron kaj ĝin manĝinta malkaŝe, sed ĝi forestis ; tiel mi estis ĝin perdinta por tiu malbonŝanca afero, kaj tiu-ĉi penso tute ne moligis la senton pri tiuj homoj. Tuj kiam mi ne estis plu videbla de la domo, mi malfermis la koverton kaj vidis, ke ĝi enhavas monon ! Mia opinio pri tiuj personoj aliiĝis, vi povas kredi ! Mi ne perdis unu momenton, sed puŝinte koverton kun mono en mian veŝtpoŝon, mi kuris rapide al la plej proksima malkara restoracio, Nu, kiom mi manĝis ! Kiam fine mi ne povis plu ensorbi, mi elprenis la monujon, kaj malfaldinte ĝin ekrigardetis kaj-preskaŭ svenis. Kvin milionoj da dolaroj ! Kredeble tio konfuzis mian kapon.

Verŝajne, mi tie sidadis duonsvenigita, palpebrumante la bileton dum plena minuto antaŭ ol mi konvene ekmalsvenis. Unue, mi vidis la restoraciestron. Per okulo, li fiksis la bileton, kaj li tie staris kvazaŭ ŝtonigita. Li adoregis korpe kaj anime, sed ŝajne ne povis moveti ĉu manon, ĉu piedon. Mi tuj ekkomprenis mian rolon kaj plenumis la sole fareblan aferon. Etendante la manon, mi diris senzorge :

"Vian kalkulon, mi petas".

*(daŭronta.)*

**Al ĉiuj respondintoj ni sendos beletan kolekton de diversmodelaj poŝt-kartoj esperantistaj.** Krom tio, **ni lotumos inter la respondintoj 10 personojn al kiuj estos donacataj jenaj premioj :** abonoj al la ilustrata revuo *Tra la Mondo*, literatura aldono de *Lingvo Internacia*, esperantaj ĉefverkoj literaturaj malofte troveblaj, luksaj pingloj kaj signetoj tute novaj, k. c. La nomoj de la premiitoj aperos en la marta numero.

Kaj nun, multaj estu la partoprenontoj !

## Konsuloj kaj konsulejoj

De l'tempo kiam mi, je la unua fojo (1904), skribis al D-ro Zamenhof proponante la kreon de konsuloj por Esperanto, oni povas vidi kiel grandpaŝe iris tiu ideo. Mi jam ricevis multajn leterojn kaj sekve multajn kritikojn-precipe responde al mia cirkulero entenanta la projektitan konsulan regularon. Antaŭ ĉio, estas necese klarigi la nunan staton de la demando.

Respondante al mia unua letero, D-ro Zamenhof diris al mi : "... Via ideo pri konsuloj povos esti tre utila se troviĝos sufiĉe da personoj, kiuj bonvolos preni sur sin tiun aferon. Mi konsilas al vi prezenti vian proponon al la kongreso en Boulogne ". Tion mi faris. En tiu propono sendita al la prezidanto de la kongreso, mi precipe diris :

"... Efektive, mi ofte vidas, ke, se oni deziras ricevi ian ajn sciigon de ia alilanda urbo, neniam oni scias ĉe kiu oni povas sin turni. Eĉ se ekzistas esperantista societo en tiu urbo, oni ne povas komisii la sekretarion aŭ la prezidanton por ricevi komercan informon aŭ alian privatan sciigon. Mi do kredas, ke estus facile difini en multaj urboj *konsulojn* ĉe kiuj — per malgranda maklerpago — oni povus ricevi ĉiujn petitajn sciigojn, eĉ privatajn informojn pri komercistoj. Ankaŭ la vojaĝantoj ĉiam scius kie ili povus sin prezenti por ricevi bonan akcepton kaj ĉiujn postulitajn informojn. Laŭ mia opinio, la kreo de konsulejoj estas nepre utila al nia afero, kaj tiu ofico povos fariĝi tre grava. Estas certe ankaŭ, ke troviĝos sufiĉe da personoj (almenaŭ po unu en ĉiu urbo) por la organizo de tiu konsularo. Vi permesu rememorigi artikolon de S-ro René Lemaire en l'Esperantiste (junio 1903) titolita : La liberegaj esperantistoj, "kiu montras sufiĉe al ni la utilon de mia proponata afero ".

Kaj laŭvorte mi reskribis tiun artikolon en kiu la aŭtoro plendis pri la liberegeco de iaj senĝenemaj esperantistoj, kiuj permesas al si ĝeni kolegojn altrudante al ili petojn strangajn kaj maldiskretajn, kaj mi daŭrigis :

"... Efektive, ĉiuj ĉi demandoj povas esti iom liberegaj kaj ĝeni nekonatajn korespondantojn, sed tio ja pruvas ankaŭ, ke tiujn petojn ofte oni farus se la fremduloj scius ĉe kiu sukcese sin turni ; certe ili tre preferus ion pagi, sed tiel neniun ĝeni. Starigante konsulojn en ĉiu urbo, plu ne ekzistus petoj strangaj, maldiskretaj pri kiuj plendis S-ro R. Lemaire, nur efektiviĝus afero praktika. Ĉu estus malfacile organizi konsularon ? Certe ne..... Sufiĉus krei centran konsulejon, kiu kolektus la aliĝojn de la unuaj bonvolantoj, kaj aperigus iliajn nomojn kaj adresojn en esperantista gazetaro..... Mi do proponas al la kongreso akcepti la principon pri kreado de konsuloj, oficialaj aŭ ne, kaj tuj nomi komitaton difinontan, tiun kreadon ".

Ĉe la unua kongreso, tiun proponon oni jam tiam ne povis diskuti, sed mi reproponis ĝin en la dua kongreso kaj la raporton de l'organiza komitato pri tiu temo oni akceptis. Se mi ne prezentis specialan regularon oni tamen povas konstati, ke mia propono staras laŭ la jenaj principoj :

1e Nenion oni devas fari senpage por ke la petanto havu la rajton postuli la petitan sciigon kaj ne peti sciigon al kiu oni ofte ne respondas. Tial estas necese difini maklerpagojn.

2e Estus taŭge, ke centra konsulejo ĉiuŝtata kolektu la nomojn por starigi la konsuladresaron, interŝanĝi-poŝtmarkojn, k. t. p.

Sekve de tio mi proponis per cirkuleroj la jenan regularon aŭ plibonę la jenajn fundamentajn ideojn :

1e) En ĉiu urbo estos kreata Esperantokonsulo ĉe kiu ĉiu persono povos sin turni por ricevi (per malgranda maklerpago) petitan sciigon aŭ privatan informon ; ankaŭ la fremdaj vojaĝantoj scios ĉe kiu ili povos ricevi necesan helpon. En granda urbo staros pli ol unu konsulo. Ĉiu konzulo klopodos ĉe sia urbo por konigi sin al la loĝantoj kaj klarigi nian celon.

2e) La konsuloj elektos konsulestron ĉiuŝtatan.

3e) Ĉiu konsulo pagos 0,50 fr. al la konsularestro sialanda por la elspezoj koncernantaj la preson de la adresaro, korespondaĵojn, k. t. p. La konsularestroj ĉiuŝtataj interkonsentos por la disdono de la adresaroj, interŝanĝo de la ricevitaj poŝtmarkoj kaj elekto, laŭbezone, de centra konsulestro.

4e) Ĉiu sciigo petita ĉe konsulo de alia konsulo kostos al la petanto 0,25 fr. plie la korespondelspezon; Ĉiu persono petanta sciigon ĉe konsulo de ia ajn lando pagos 0,50 fr., plie la korespondelspezon.

5e) La poŝtmarkoj estos interakceptitaj de ĉiu konsulo laŭ ilia propra valoro, la konsularestro interŝanĝos la poŝtmarkojn ĉiulandajn kontraŭ mono sendiskonte.

Mi bone scias, ke tiu regularo ne estas perfekta, precipe mi scias, ke ĝi estas tro antaŭtempa, sed por interdiskuti, estas necese havi fundamenton por la diskutado. Estas tamen certe, ke la kreado de la konsuloj estas ĉie favore akceptita. Kio ĝi estos ? Eble nur provo, sed kontraŭe oni ĝenerale pensas, ke tiu rolo, ne ankoraŭ precize difinita, povos fariĝi tre grava, kiel mi diris. Ni do unue kreu konsulojn. Mi daŭrigos ricevi la enskribojn, ĉu privatajn, ĉu laŭ decidoj de grupoj, same ankaŭ la rimarkojn kaj observojn aŭ novajn ideojn, poste ni eble starigos pli perfektan regularon-se regularo estas necesa.

Oni sin turnu al mia adreso aŭ al la administracio de ESPERANTO.

A. CARLES.
rue des Balances, Béziers (Francujo).

* * *

Ĉar la demando pri la organizo de la konsuloj ne estas ankoraŭ solvita kaj aliparte ĉar ESPERANTO celas helpi laŭforte al la starigo de tiu grava organismo, ni pensis, ke interesos niajn legantojn koni la opinion de la iniciatinto de la konsuloj, S-ro Carles, nia korespondanto. Kelkaj punktoj estas sendube diskuteblaj, ĉar la uzado ne jam montris la plej bonan vojon. Nuntempe, oni ne povas ankoraŭ difini ian precizan regularon ; en kelkaj lokoj la konsuloj estas mem komercistoj aŭ aferistoj, de kiuj oni povas postuli sciigojn pagante, sed en aliaj urboj, akceptis konsulecon personoj, kiuj ne povos ĉiam nepre liveri la postulitajn sciigojn kaj promesas nur respondi senpage kaj laŭpove la petojn, al ili faritajn. Provizore, ni opinias, ke estus bone, citante konsulejojn, se oni montrus per signo, ĉu ili liveras sciigojn page aŭ senpage. Aliflanke, kaj sendepende de la ĉi-supro, ni rememorigas ĉiujn konsulojn aŭ oficojn, ke pagante helpabonon da 10 fr. al nia gazeto, ili havas la rajton presigi siajn komunikojn en nia gazeto ; ili tiel povas doni ĝeneralajn sciigojn, pri kiuj ili estas ordinare demandataj, kaj tio evitos al ili la elspezon por cirkuleroj aŭ korespondaĵoj pri temoj samaj.

*ESPERANTO.*

## Kelkaj praktikaj aferoj

Mi volas unue danki ĉi-tie nian bonegan kunfraton *Tra la Mondo*, kiu dum la neaperado de ESPERANTO bonvolis pruntedoni al mi siajn paĝojn, por publikigi la informojn, kiujn mi ricevis el diversaj samideanoj, pri kreo de Konsuloficoj, Publikaj Esperanto-Oficoj, esperantistaj vendejoj, k. a. Tre certe dank'al sia tutmonda disvastiĝeco, tiu belega ilustrata revuo konigis tiujn aferojn en multaj novaj landoj, kaj havigos al ni novajn kunlaborontojn por la efektivigo kaj la utiligado de niaj praktikaj peresperantaj entreprenoj. Mi speciale konsilas miajn legantojn, ke ili bonvolu legi, en la januara N° de *Tra la Mondo*, kiu aperis antaŭ kelkaj tagoj, la tre interesan leteron, kiun mi ricevis el S-ro Dejean, sekretario de la esperantista grupo en le Creusot (Francujo). En tiu letero, nia samideano rakontas kiel, la tiea agema societo trovis senpage, en tiu urbo, la plej facile viziteblan ejon por la *Konsulofico*, la *Publika Esperanto-Ofico*, la afiŝoj koncernantaj la publikon esperantistan aŭ ne, la bibliotekon de l'grupo, kaj kiel, neniu estante sklavo pro tio, ĉiu ofica servo estas ĉiam akurate farata. Kaj ĉar la afero ŝajnas al mi tre atentinda, mi volas ĝin resumi por niaj legantoj.

Estas jam en multe da urboj *Konsuloj*, sed nur en tre malmulte da ili estas *Konsulejoj*. Kar ĉar la plej ofte, oni ne bone konas la adreson de la konsulo, ĉar, precipe, oni timas lin ĝeni, vizitante lin ęn lia privata hejmo, oni plej ofte preferas ǹeuzi liajn servojn. Male, supozu, ke vi alvenas en Le Creusot. Certe vi iros sur la placon Schneider, tute en la centro de la urbo ; kaj ankaŭ certe vi vidos ĉe tiu placo tabakvendejon, sur kies fenestrego estas pentrita diklitere : *Esperantista Konsulejo, Esperanto-Oficejo*. Vi certe, ĉu ne ? eniros ; kaj la vendistino, vidinte vian verdan stelon aŭ aŭdinte, ke vi parolas Esperanton, donos al vi folieton, sur kiu vi legos :

1e) Sciigojn por viziti la urbon kaj la tutmonde faman fabrikejon.

2e) Adresojn de la hoteloj, kafejoj kaj aliaj esperantistaj komercistoj.

3e) Adresojn de la esperantista klubo aŭ kunvenejo, ĉe kie vi estos plezure kaj kore akceptata.

4e) Malgrandan vortareton kun traduko kaj elparolo de kelkaj francaj vortoj, kiuj estos al vi necesaj por iri tra la urbo.

5e) Liston kaj adresaron de dek personoj (sinjoroj kaj sinjorinoj), kiuj volonte donos al vi, sebezone, pluajn sciigojn.

6e) Reklamojn de la tieaj neesperantistaj kaj esperantistaj komercistoj. (Tiuj reklamoj povas pagi al la grupo la preskoston de la folieto). Tiu-ĉi magazeno estas ankaŭ *esperantista vendejo*. Tie oni trovas esperantistajn librojn, revuojn, *Esperanto-jurnalon*, ŝlosiloj de ĉefeĉ, bildojn, stelojn kaj pinglojn, k.a., fine, esperantistajn poŝtkartojn kaj enlandajn vidaĵojn, kun surskriboj nacie kaj esperante redaktitaj, kiujn, vojaĝanto, vi certe aĉetos kaj sendos al viaj amikoj.

La bibliotekon de la grupo oni metis tien : por pruntepreni libron sufiĉas doni 5 aŭ 10 centimojn al la vendistino. En la fenestrego estas *afiŝejeto*, t. e. kartono, videbla de ekstere, sur kiun oni afiŝas la komunikojn al la publiko, avizojn pri kursoj, kunvenoj, nomojn de personoj, kiuj deziras korespondadi, nomaron de la lastaj aperintaj revuoj, libroj, tie vendeblaj aŭ pruntelblaj, artikolojn de gravaj naciaj ĵurnaloj favoraj al nia afero, k.c. En la magazeno estas leterkesto, en kiun la leterportisto metas ĉiujn korespondaĵojn adresitajn al; *Esperanto-Ofico* en Le Creusot. Komitatano delegita por tio ĉiutage prenas la leterojn kaj respondas ilin. La neesperantistoj, kiuj sin turnas al la Publika Esperanto-Ofico, por tradukigi leterojn, komercajn prospektojn, nur bezonas meti en ĝin la tradukotaĵon.

Tiel ĉi, ĉio koncernanta Esperanton estas kunigita en la sama *ejo*, kiun oni povas nomi *Esperanto-Oficejo* eble. Kaj oni konstatis, ke la rezultatoj estas bonegaj : la pruntoj de libroj estas multe pli oftaj ol tiam, kiam la biblioteko estis ĉe la sekretario aŭ en la ĉambrego de la grupo ; kaj eĉ neesperantistoj pruntepreņas pro scivolemo esperantajn lernolibrojn kaj tiel esperantistiĝas. Ankaŭ la afiŝoj, kiujn oni vidas en la fenestrego, konstante kaj treege altiras la atenton de la publiko kaj estas plej bona propagando. Mi do humile, sed insiste petas la konsulojn kaj estraron de la esperantistaj societoj, kaj eĉ la izolajn samideanojn, ke ili bonvolu atente pripensi tiun aferon kaj ke ili provu ĝin organizi en sia urbo.

ESPERANTO publikigos akurate la nomaron de la konsuloj, Publikaj Esperanto-Oficoj, esperantistaj vendejoj, k.c. Mi estos treege danka al ĉiuj personoj, kiuj bonvolos sendi al mi siajn ideojn pri la funkciado de tiuj oficoj kaj precipe priskribi al mi la eksperimentojn, kiujn ili jam faris.

Kaj fine, kaj *precipe*, mi tre insiste petas ĉiujn miajn legantojn, ke ili bonvolu kutimigi sin *uzadi* Esperanton. Ni ĉiuj uzadu la servojn de la konsuloj, kaj instigu la neesperantistan publikon uzadi la Publikajn Esperanto-Oficojn. Mi personne opinias, ke bona esperantisto neniam devas trapasi urbon, ne vizitante, se ne la konsulon, almenaŭ la konsulejon ; kaj ŝajnas al mi, ke estus bonega kaj ĝentila kutimo, lasi sian karteton en la leterujo de la konsulejo, skribinte sur ĝi, siajn observojn pri la funkciado de la konsulofico, kaj sian samideanan saluton.

Th. ROUSSEAU (T. Ruso).
Esperanto-Ofico, Bourg (Ain)
Francujo.

## KONSULAJ INFORMOJ

La jenaj konsuloj, monhelpantaj abonantoj de ESPERANTO, havas la rajton enpresi siajn komunikojn en la gazeto.

**Bourg** (Ain-Francujo). — Esperanto-Oficejo : S-ino Jobelin, tabakvendistino, 31, avenue d'Alsace-Lorraine. Tie estas : Esperantista vendejo, Esperantista konsulejo, Publika Esp-Oficejo, Afiŝejo, esperantista biblioteko. Esp-Konsulo kaj sekretario de la Esp-Of. : S-ro Rousseau, 6, place Carriat. Esp-kunvenejo kaj salono : Hotelo de la Paix kaj Terminus apud la stacidomo ; esp-revuoj ĉiam legeblaj. La konsulo kaj sekretario de la Esp-Of', estas speciale preta por doni letere aŭ buŝe, informojn pri turismo, somerrestado en Jura montaro, kaj pri la mirinda tutmonde konata preĝejo de Brou (Bru) en Bourg. (sendas vidaĵojn de tiu preĝejo). Adreso : Esperanto-Ofico en Bourg.

**Bradford** (Anglujo) — Esperantista Konsulo de la grupo . A. Tuke Priestman, 12 Exchange Buildings-Bradford.

**Le Creusot** (Francujo). — Konsulo, Esp-Ofico, Vendejo, biblioteko, k. t. p. (pri la detaloj, oni legu la artikolon de S-ro Rousseau).

**London. S. E. Hithergreen.** Konsulo : J. W. Baxter, Longhurst road 4.

**Romo** (Italujo). Esp-Konsulejo, Fotografia Dottarelli, 29 via Belsiana.

**Roubaix** (Francujo). Konsulo : A. Denis, 86, rue du Moulin-Roubaix.

**Shrewsbury** (Anglujo). Konsulo kaj Esperanto-Ofico, S-ro A. J. Hulme, Free Library Studios.

**Hegi-Wintherthur** (Svisujo). Esp-Ofico, S-ro Schwengeler.

**Valence** (Francujo). Konsulo : J. Delfour, kolegiestro.

* * *

Novaj konsuloj fondiĝis en Edinburgh, Frankfurt/M., Angers, Orleans, Ivanino (Rusujo), Murcia (Hispanujo), Amiens, Wien, Rio-de-Janeiro, Philadelphia (U. S. O. N. O.).

Ni publikigos la adresojn kaj sciigojn pri ili en la venonta numero.

## AL NIAJ LEGANTOJ

**Gravaj premioj !**

**ĈIUJ PERSONOJ, KIUJ ABONOS AU REABONOS *ESPERANTO* ANTAŬ LA 28a DE FEBRUARO RICEVOS DONACE BELETAN KAJ ARTAN SIGNETON ESPERANTISTAN, NOVA MODELO TRE ZORGE FARITA.**

**Oni por tio devas sendi la monon al la administracio au al la lokaj Agentoj, kiuj estas petataj ilin transigi al ni antaŭ la dirita tempo.**

* * *

**Ĉiuj personoj, kiuj havigos al ni *5* abonantojn almenaŭ ricevos donace belegan pinglon esperantistan, bronzan aŭ arĝentan, kun arta engravuraĵo. Tiu signo havas valoron de 3 ĝis 7 frankoj, kaj estas tute nova. La personoj, kiuj havigos la plej multe da abonantoj, ricevos kompreneble la plej altvalorajn signojn.**

* * *

**La abono de multaj personoj, ĝis nun abonintaj la estintan gazeton, finiĝas kun tiu numero. Ni insiste petas, ke ili bonvolu resendi sian abonmonon kiel eble plej baldaŭ por eviti al ni la elspezojn de poŝta repago kaj senutilan korespondadon.**

**La administracio sendos la venontajn numerojn de *ESPERANTO* al la malnovaj abonontoj ĝis la fino de ilia abontempo. Tamen, la personoj, kiuj sendos sian reabonmonon nuntempe, krom la supre cititan signeton, ricevos produktaĵon de la marko *ESPERANTO*.**

* * *

Ni atentigas niajn legantojn, ke por helpi al la jurnalo kaj permesi al ĝi progresi kiel eble plej rapide, ni kreis *helpabonon da 10 frankoj*. La Konsuloj kaj Esp-Oficoj, kiuj pagos ĝin, havos la rajton presigi senpage siajn komunikajojn en la gazeto.

* * *

Samatempe kiel tiu kvarnacilingva eldono, aperas bulgara eldono, kun la sama teksto esperanta. Tiamaniere, nia jurnalo povos helpi al nacia propagando en la landoj, kie ne estas ankoraŭ gazeto esperantista. Estas tre dezirinde, ke ni povu kiel eble plej baldaŭ : 1e) Pligrandigi nian formaton ; 2e) Presigi la nacian parton en diverslingvaj eldonoj-kio ebligos liveri pli multe da sciigoj. Por efektivigi tion baldaŭ, ni bezonas tre efikan kun helpadonde niaj legantoj. Atendante, ni enpresos ĉiufoje francan, germanan kaj anglan kolonojn ; la hispana lingvo alternos kun la itala ; ni ankaŭ de tempo al tempo enpresos artikolon en alia lingvo por fari specialan propagandon en la lando.

* * *

ESPERANTO estas aĉetebla en ĉiuj belgaj, francaj kaj svisaj stacidomoj kaj en multaj publkaj vendejoj. La listo baldaŭ aperos.

LA DIREKCIO.

